FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA · H E F

Año III (N.° 26)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 2

FEBRERO 1951

RUZAFA, 7 VALENCIA (ESPAÑA)

Spite al la natura diferenco, kiu ekzistas en la interpreto de privataj opinioj, nenia diferenco tamen devas ekzisti nun inter la esperantistaro, kiam temas pri la fundamenta laboro enkonduki la logikon de nia lingvo en la publikan opinion!

# VOLUNTAD EN LA UNIDAD

**Cada época tiene un signo, y cada momento su directriz. El espíritu que anima un movimiento de opinión debe marcar su huella sobre todos los actos dimanados de su fuerza intelectual y de sus efectos tangibles, de tal manera que, cualquier manifestación de su poder cultural debe dejar adivinar el momento espiritnal en que se produjo. La magna concentración esperantista que ha de tener lugar dentro de pocos meses, en Tarrasa, será el exponente de la potencia, no numérica, pero sí cualitativa, del ideario de la lógica y congruencia que se desprende de la existencia del idioma universal y de los postulados de comprensión y tolerancia que lleva aparejados el uso de la maravillosa lengua inventada por el Dr. Zamenhof.**

**Pero, para que tal cosa se produzca con claridad tan diáfana que todo el mundo, hasta los más escépticos, se convenzan de la razón de nuestra idea y de la eficiencia utilitaria de nuestra lengua, es absolutamente preciso que la labor desarrollada en el congreso de Tarrasa sea verdaderamente positiva, constructiva y sin particularismos suicidas, Todo esperantista consciente debe esforzarse en asistir al congreso, y no simplemente con su presencia corpórea, sinó con su aportación moral, con su criterio constructivo, con los consejos de su experiencia y con la fuerza de su opinión; en pocas palabras: con presencia utilitaria para el esperantismo español.**

**No quisiéramos recordar a nuestros lectores los lamentables bizantinismos de épocas anteriores, en los que, al interés intangible del esperantismo, se mezclaba, inconscientemente, el criterio personalista, la egolatría, y otros idearios, muy respetables en si, pero inadecuadamente involucrados con el esperantismo; como consecuencia de ello, un permanente estado de estériles discusiones y de recelos, que mantenían, como consecuencia, el marasmo en la marcha del movimiento esperantista español, que tan brillantemente empezó. El recuerdo de todo aquello debe aleccionarnos para el presente y para el futuro. Todo aquel que vaya a Tarrasa, debe ir con el espíritu de colaboración constructiva. En el aspecto lingüístico, aportando, si de ello es capaz, su ofrenda literaria. En el orden social, aduciendo ideas y proyectos para la mayor difusión de nuestro programa cultural. Y, en general, durante el despliegue de los debates en nuestra primera reunión de la postguerra, el espíritu de tolerancia, fraternidad y desprendimiento que, entonces más que nunca, deben ser el mayor ornato en las íntimas convicciones de todo buen esperantista.**

**Y eso será lo que en épocas venideras, más o menos pronto, se recordará como voluntad en la unidad, único anhelo que debe regir los actos de nuestra vida social.**

**En Ĝenevo, dum la novjara semajno:**

# INTERPOPOLA MONDPARLAMENTO

## Esperanto estis unu el la lingvoj de la Kongreso

La tutmonda kongreso por mondparlamento (elektota de popoloj kaj sidonta kiel dua ĉambro apud la kunveno de registaroj en Unuigita Naciaro) kunigis en Ĝenevo ĉirkaŭe kvincent diversnaciajn parlamentanojn, senatanojn, verkistojn, juristojn kaj pionirojn de mondfederalismo.

La kongreso okazis, kiel anoncite, de la 30-a de Decembro 1950. ĝis la 4-a de Januaro 1951. Kiel kongresa prezidanto estis elektita Prof. Edmond Privat, nia konata samideano, aŭtoro de gravaj verkoj pri mondfederalismo, kiu ĉe la malfermo klarigis la celon de la Kongreso en *franca*, angla kaj *esperanta* lingvoj. Inter la kongresanoj sidis kvardeko da parlamentanoj, inter ili impona grupo de japanaj senatanoj kaj intelektuloj, inter aliaj S-ro Deguĉi, la estro de la Oomoto-movado.

Ankaŭ parolis esperante ĉe la malfermo delegito de Egiptujo, S-ro Megalli, kaj de Izraelo, S-ro Popper. Dum la diskutado, trifoje oni demandis per levo de manoj, kiu komprenas la kvin ĉefajn lingvojn, kaj la respondo estis ĉiam la sama: 1-e anglan, 2-e francan, 3-e germanan, 4-e Esperanton, 5-e italan. La manoj levitaj pri Esperanto reprezentis ĉirkaŭe trionon aŭ kvaronon de la aŭdantaro. Pluraj parolantoj plendis pri la tempo perdita pro tradukoj anglen, francen, germanen kaj italen, ĉu el la estrado, ĉu per aŭdiloj, kaj la prezidanto oportune permesis, dum ripozmomento de la tradukistinoj, diskuton pri rekomendoj rilate al uzo de Esperanto en venonta kongreso. Tiu nur-esperanta diskuto daŭris 18 minutojn en ĉeesto de la tuta kongreso kaj ĝin partoprenis S-ino J. Isbrucker kaj S-ro Andreo Cseh el Nederlando, S-ro Schwingshakl el Aŭstrio, S-ro Wrigth kaj F-ino Solar el Anglujo. Oni rekomendis havi almenaŭ unu posttagmezon aŭ unu sekcion de la kongreso kun unu sola lingvo: Esperanto, por fari provon kaj anonci ĝin monatojn antaŭe. Kredeble, ĝi okazos en Parizo dum proksima Septembro.

---

La Universala Ligo povas esti fiera kaj kontenta, ke ĝia prezidanto Prof. Privat estis elektita kiel prezidanto de la tuta kongreso. Li brile gvidis la malfacilajn diskutojn dum la konferenco, kaj ne estis mirinde, ke li en la fino ricevis la dankojn kaj ovaciojn de la tuta kongreso.

***Kompilita raporto el «Heroldo de Esperanto»***

# LA VERA VOJO

La mondo estas tre malgranda. Oni povas nun ĉirkaŭi la tutan mondon en tri tagoj da flugado. Nenia parto de nia planedo restas malkovrita. La sciigoj rapidege, kiel la lumo, kuras subite de unu al la alia mondekstremo; kaj ĉio, kio okazas en unu lando, reefikas en la ceteraj landoj.

Izolataj nacioj ne povas hodiaŭ ekzisti, ĉar la homo eltrovis rapidegajn ilojn por translokiĝi. —surtere, surmare aŭ supertere— al ĉiuj landoj. Sed tiuj homoj ĉien translokiĝantaj ne ĉiam povas kompreni la enloĝantojn, ĉar kvankam de la tera surfaco malaperis multaj lingvoj, kvankam en ĉiuj nacioj regas oficialaj lingvoj, pli aŭ malpli bone konataj de preskaŭ ĉiuj nacianoj; multaj aliaj lingvoj estas ankoraŭ parolataj de grandaj aŭ malgrandaj grupoj da samlandanoj. Tio okazas eĉ en eŭropaj nacioj, kiel Hispanio, Francio, Italio, Anglio k. t. p. Sed tio okazas, ankoraŭ multe pli, en aziaj, afrikaj aŭ amerikaj regionoj, kie la oficialaj lingvoj apenaŭ estas konataj aŭ parolataj de tre malgranda parto de la tiea loĝantaro. Nu, se tiuj samlandanoj ne ĉiam povas interkompreniĝi, kiamaniere la membroj de grandaj asocioj, kiel: okcidenteŭropa organizo, aŭ tuteŭropa parlamento, aŭ internaciaj laboristaj asocioj, aŭ kia ajn internacia institucio sukcesos kompreni unu la alian? La naturaj baroj, kiuj malproksimigis la homojn, estas nun detruataj aŭ superataj de la homa genio. Sed la baroj, devenintaj de la lingva diverseco, malaperos de la mondo nur kiam la homaro akceptos la rimedon, kiun trovis D-ro Zamenhof por la bonstato, paco kaj amo inter ĉiuj homoj, sekvante la vojon de Esperanto, kiu estas ja la vera vojo!

**VICENTE PERLES MONCHO**
(Membro de Universala Ligo n.° 6943)
**Miraflor-Vergel (Alicante)**

## BONHUMORA FENESTRETO

La edzino de Petro mortis; kaj unu jaron poste li edziĝis ŝian fratinon. Li renkontas surstrate sian amikon Ludovikon, kiu scias nenion pri tiuj okazintaĵoj; rimarkante la funebrajn vestojn de Petro, li demandas: «Kiu mortis el viaj parencoj?» Tiam, Petro respondas tute simple: «Mia bofratino!»

---

Dentisto, rigardante la biletojn per kiuj iu kliento jus pagis al li, diris tuj: «Sinjoro, vi pagis al mi per falsaj monbiletoj!»

La kliento, aplombe, respondis: «Ĉu vi ne donis al mi ankaŭ falsan dentaron?

## HISPANA KRONIKO

**REUS.**—En tiu progresema kataluna urbo, nia lingvo ĝuas agrablan simpation; longjaraj klopodoj de la tieaj samideanoj ne estis vanaj, ĉar la rikolto estas nun kontentiga. Kiel sekcio de «Centro de Lectura» funkcias la aktiva Esperantista Grupo NOVA SEMO, kiu restariĝis antaŭ tri jaroj, okaze de interesa ekspozicio de esperantaĵoj. La kursoj de nia lingvo preskaŭ daŭras sinsekve; pri la lasta, kiun lerte gvidas nia kompetenta amiko M. Real Crusat, ricevis sciigon ĉiuj membroj de la dirita societo (1300) per luksa programo, ĉar Esperanto estis oficiale enkondukata en la koncerna stud-plano, apud la angla, germana kaj franca lingvoj.

**ALCOY.**—Ankaŭ tie, grava industria centro en la valencia regiono, enradikiĝas nia movado dank' al la senlaca kaj persista laboro de la fervora samideano Arquimides Ballester, kiu kun la helpo de kelkaj geamikoj klopodas fondi grupon interne de iu el la diversaj societoj de la urbo. Rimarkinda estas la interveno de pluraj fraŭlinoj en aktivaj laboroj por nia lingvo internacia, kiu ankoraŭ ĝis nun ne havis adeptojn en tiu laborema urbo, kie kredeble la verda stelo baldaŭ tre forte brilos!

***Kiel dirite en la pasinta numero, ni esperas ricevi de niaj membroj abundan materialon kun konkretaj informoj kaj raportoj pri la taskoj, kiujn oni plenumas, por la plej konvena disvastigo de Esperanto.***

## INTERLINGVA PARALELO

### ORIGINALO

Sankta estas por ni la hodiaŭa tago. Modesta estas nia kunveno; la mondo ekstera ne multe scias pri ĝi, kaj la vortoj, kiuj estas parolataj en nia kunveno, ne flugos telegrafe al ĉiuj urboj kaj urbetoj de la mondo; ne kunvenis regnestroj nek ministroj, por ŝanĝi la politikan karton de la mondo, ne brilas luksaj vestoj kaj multego da imponantaj ordenoj en nia salono. Ne bruas pafilegoj ĉirkaŭ la modesta domo, en kiu ni troviĝas; sed tra la aero de nia salono flugas misteraj sonoj, sonoj tre mallaŭtaj, ne aŭdeblaj por la orelo, sed senteblaj por ĉiu animo sentema: ĝi estas la sonoj de io granda, kiu nun naskiĝas.

*El la parolado de D-ro Zamenhof en la Unua Kongreso de Esperanto* (Augusto 1905 en Boulogne-sur-Mer)

### TRADUKO

**Sagrado es para nosotros el día de hoy. Modesta es nuestra asamblea; el mundo exterior poco sabe de ella, y las palabras que sean habladas en esta reunión no volarán telegráficamente a todas las ciudades y pueblos del mundo; no se han reunido aquí reyes ni ministros para cambiar el mapa político del mundo; no brillan en nuestro salón lujosos vestidos, ni tampoco imponentes condecoraciones. No truenan los cañones alrededor de la modesta casa en que nos encontramos; pero, por el aire de esta sala flotan unos misteriosos sonidos, sonidos muy tenues, imperceptibles para el oido, pero sensibles para toda alma sensible: ello es el rumor de algo grande que ahora nace.**

*Del discurso del Dr. Zamenhof en el primer Congreso de Esperanto* (Agosto 1905 en Boulogne-sur-Mer)

## XII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

### 28 - 29 - 30 de Julio de 1951, en TARRASA (Barcelona)

**Mientras se recibe la conformidad oficial de la Superioridad a la solicitud presentada, podemos notificar que se están haciendo tambien las debidas gestiones para instalar un campamento en un bello paraje de los alrededores de Tarrasa, donde podrán pernoctar los que dispongan de equipo necesario. Los interesados pueden solicitar, ya desde ahora, detalles más concretos a Federico J. Sanféliz, Marqués de Caro, 10, 5.ª - Valencia. Para el Certamen Literario se están ultimando datos y no queremos terminar esta información sin anunciar que los esperantistas de Valencia esperan hacer el viaje por carretera, equipando al efecto los autobuses necesarios para trasladar a Tarrasa el centenar de esperantistas que, según nuestros cálculos, han de representar a Valencia y su región debidamente en el importante, y cada día más cercano, Congreso del Esperantismo nacional.**

**En nia unua postmilita nacia Kongreso, la tuta hispana esperantistaro montros al la publika opinio la unuecon de sia volo, en obstina laboro, por ke nia afero estu plene rigardata kun estimo kaj respekto!**

## AL LA NOVAJ BATALANTOJ!

Je memoro de la Majstro

La gloron kantu ni de la genia,
de la senmorta Majstro neegala!
Por ni, ekzemplo estu, ideala,
en koroj niaj la obstino lia!

En ĉiu loko estu homo tia,
senlaca laborant' universala!
Por ke fariĝu tuj, vere reala,
la Zamenhofa rev' internacia!

Klopodojn niajn ne rifuzu ni;
ni ne forgesu lin, kaj pli kaj pli
kuraĝe ni agadu tra la mondo!

Feliĉaj tiuj, kiuj povos, fine,
la tutan vivon agi ja obstine
por ke ne ĉesu kreski nia rondo!

F. SOUZA ALMADA

Santos (Sao Paulo) Brazilo

# INTER LA PROZ

Post la ŝtormo regas denove kvieto kaj paco... se la ŝtormo ne renversis la ŝirmejon. Feliĉe, tio ne okazis ĉe mi, dum la pasinta uragano de gripo. Libera jam de tiu sporada plago, kiu ombrumis nunjare la blankajn lanugojn de la vintro, mi povas agrable kaj longe promeni ekster la dometo, dise tra la arbaro, spertante jam, ke la sunradioj komencas heligi la ĉielon kaj varmigi la naturon. Jes, kvankam ankoraŭ la frostro postulas la pagon de lastaj debetoj, jam la turtoj kveras, jam la migdalarboj burĝonas kaj baldaŭ, plej certe, la unuaj cikonioj revenos al siaj antaŭaj nestoj, kaj la fruaj hirundoj desegnos, per strioj el sia gracia flugo, la nomojn de ĉiuj logaj atributoj, kiujn la printempo havas. Kaj, sub tia impreso, la benoj de milda vetero iel efikas jam nun anticipe, kvazaŭ sorĉa inversio de normala ordo, en kiu la signoj de ĝoja realo venas pli frue ol la propra koncerna iluzio. Sed, kio pli bela: ĉu konkreta realo, sen antaŭa iluzio; aŭ eterna iluzio, sen pozitiva realo? Malfacila, tre malfacila, estas sincera respondo por inteligenta delikatsenta homo... Restu, do, ŝvebanta la demando, kiun mi dediĉas al la ŝatataj geamikoj Daphne kaj Jozeph Lencer, en turisma vagado tra la mondo, kiuj portis la parfumon de sia pura samideaneco ĝis la fora anguleto, kie daŭre mi loĝas, kaj kie ĵus mi ricevis ilian depeŝon, kun kortuŝaj bondeziroj pri mia farto, kiu, se antaŭe iom forte taŭzita de la gripo, estas nun sufiĉe bona por komenci sen peno, kaj daŭrigi sen ĝeno, la kutiman raporton pri ĉiuj gazetoj lastatempe ricevitaj.

Estu hodiaŭ unua en la vico la bonega bulteno de la poliglota societo LINGUA CLUB de Manresa, kie vigle deĵoras Esperanto-Fako; tial, en ĉi tiu arte aranĝita kajero, nia lingvo dece rangas apud artikoloj en angla, franca, kataluna kaj hispana lingvoj; nur gratulojn meritas la klera societo kaj la tuta urbo, kie tiel sukcesaj estas la klopodoj de niaj amikoj. BRITA KATOLIKO estas la titolo de nova kolego, kiun eldonas la britaj katolikaj samideanoj. En represo de artikolo «Pledo por Esperanto» de Pastro J. Lafarge, oni povas legi jenajn vortojn: «ne ĉiu ĝuas la legadon de fremdaj lingvoj, kaj malmultaj personoj kapablas facile kaj flue ilin skribi. Eĉ tiel klara kaj regula lingvo kiel la hispana —la plej taŭga kandidato el la ekzistantaj naciaj lingvoj, por esti internacia komprenilo— prezentas sennombrajn subtilaĵojn en la vortaro, kiam tiu, kiu ne estas kastiljano, provas sin esprimi en ĝi per skribado». NIA VOĈO la brava folieto de Dana Laborista Asocio; ekzemplo imitinda de zorgemo kaj akurateco ĝi estas por aliaj pli gravaj eldonaĵoj. En ĝia novjara saluto estas dirite: «La amplekso estas modesta, tamen ĝi publikigis plurajn kaj gravajn problemojn. Krome, kaj tio estas valora, ĉiam ĝi estas eldonita la unuan de la monato». NIA STELO, gazeto por la klubo de Roskilde, en Danlando, estas vera miniaturo, sed plej mirinde en ĝi ne mankas loko por treege varia enhavo kaj por laŭdaj vortoj, en tre gaja aludo, al miaj kronikoj. Legante tion, iomete tro mi ruĝiĝas pro honto... Sed, koran dankon! INFORMILO de Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno pravigas sian nomon laŭ ampleksaj informoj, tre interesaj por aktiva kaj praktika esperantisto. DISTRO, la loga gazeto de la esperantista junularo de Vieno, injektas optimismon per siaj spritaj kaj amuzaj priskriboj, rakontoj ornamitaj per multaj

# DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

bildoj. Tutpaĝa fotaĵo de du ĉarmaj biciklemaj junulinoj ripozantaj, kun ridantaj vizaĝoj, apud pajla stako, estas rekta invito, kvazaŭ magneta reklamo, por ekskursi, eĉ... piede, al la belega ĉefurbo de Aŭstrio. ESPERANTISTA, la revuo por Esperanto en Ĉeĥoslovakio, ĉiam aperas kun serioza enhavo kaj tre flua stilo. En la laste ricevita numero, sub titolo «Voĉoj el malproksimo» estas kolekto de kantoj kaj poemoj de primitivaj popoloj, trafe kaj lerte tradukitaj de Valda Vinar, destinitaj al teatra prezentado, kiu jam okazis dum pasinta somero kun akompano de piano-muziko. INTERNACIA KULTURO ornamas la kovrilon de la kajero, kiun nun mi rigardas, per tutpaĝa vidaĵo de la konata monaĥejo de Rila. La interna enhavo, kiel kutime, konsistas el politikaj deklaroj kaj literaturaj fragmentoj, kelkaj el ili kun artaj ilustroj. L' ESPERANTO, oficiala organo de la Itala Federacio, pledas por nia afero per taŭga materialo, plejparte en itala lingvo. En la Junula Angulo, juna samideanino Gina Fop skribas: «Junaj kamaradoj kredas esti devo rigardi kun malŝato kiun ajn idealon. Ne prenu antaŭtempe la mienon de maljunulo, kiun la vivo seniluziigis! Organizu do ĝin tiamaniere, ke, kiam vere vi estos maljunaj, via konscienco ne povu vin riproĉi». SKOLTA MONDO tre klare difinas mem sian celon en jenaj enkondukaj vortoj: «Esperanto kaj Skoltismo: du vortoj, du programoj, du gravaj internaciaj movadoj, kiuj kune iras tra la mondo, kiuj kune celas la pacon kaj la fratecon inter la popoloj». Nepre leginda gazeto ĝi estas por esperantistoj, kiuj apartenas aŭ simpatias je la skoltismo. Mi scias, ke en kelkaj hispanaj rondoj, ĝi estas avangarda trupa flago. LA VIVO, la ŝatata organo de la amikoj de Homaranismo, post deviga paŭzo, reaperas kun freŝaj fortoj kaj prezentas al la konsidero de siaj legantoj bukedon da eltiraĵoj kaj fragmentoj, kiuj transformas la gazeton en riĉan albumon aŭ en flakonon de plej puraj esencoj. Pri la brava folieto S. A. T.-AMIKARO, plaĉe mi kvitancas ĝian regulan ricevon. LA PRAKTIKO, multvalora organo de Universala Ligo, post kvarmonata silento, daŭrigas siajn rilatojn kun la publiko, kiu alsopire ĝin atendis. Ĉi tiu numero, kun granda amplekso kaj interesa materialo, certe kontentigos tiujn legantojn, kiuj malĝojas pro oftaj eklipsoj en la brilo de tiu grava plej impona revuo de nia movado. Dezirante konvene babili pri la nova formato de la oficialulo de U. E. A. kies ekzemplon, cetere, sekvis ankaŭ la franca kolego, mi faros tion en proksima fojo, ĉar nun restas nur apenaŭ la ĝusta spaco, kiun bezonas, por riverence sin klini antaŭ vi

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

## Publika Letero al la eminenta Doktoro Alexander Flemming

Honorinda Doktoro:

Viaj meritoplenaj laboroj, kondukintaj al la elpenso de la Penicilino, situigas vin en la unuan vicon inter la bonfarantoj de la homaro.

Sendube, miloj kaj miloj da kortuŝaj leteroj, skribitaj en ĉiuj naciaj lingvoj, atestis al vi pri la dankemo de kuracitaj malsanuloj. Ankaŭ mi, edzo kaj patro de resanigitaj malsanuloj, deziras esprimi al vi mian koran dankon, kune kun tiu de mia tuta familio; kaj tial ke mia familio estas esperantista, logike mi devas danki vin esperantlingve. Esperanto, la lingvo elpensita de D-ro Zamenhof, ne povas manki en la milfoje meritita omaĝo al via honorinda persono. Per ĝi, mi deziras prezenti al vi la dankesprimon de la tutu esperantistaro, sen naciaj diferencoj, ĉar ĉiu esperantisto havas, en sia koro, podion sur kiu li honoras emocie la nomojn de geniuloj, kiel Pasteur, Curie, Zamenhof... kaj Vi!

Bonvolu, do, akcepti la sinceran omaĝon de nia pacema tutmonda popolo, kiu, de diversaj landoj, sed unukore kaj unulingve salutas vin respektoplene.

**D-ro RAFAEL HERRERO**
**Valencio (Hispanio)**

**KURACISTA ESPERANTO-ASOCIO (K. E. A.).**—Ni atentigas al ĉiuj hispanaj kuracistoj, ĉu esperantistoj, ĉu simpatiantoj, ke, por la venonta kongreso de Tarrasa, la estraro de K. E. A. intencas okazigi propran kunvenon sciencan kaj profesian. Ni esperas, ke ĉiuj partoprenontoj bonvolos adresi siajn komunikojn al la Sekretario de K. E. A., D-ro R. Herrero (Calvo Sotelo, 11, Valencio). Ĉiuj legotaj komunikoj devas esti malpli longaj ol ses maŝinskribitaj folietoj 15 x 20 cm., unuflanke kaj duspace. Speciale ni ĝojus se estus partopreno de ne hispanaj kolegoj. Nia kongreso estos, sendube. neforgesebla; kaj, certe, pro ekonomiaj kondiĉoj, tre favora al ekterlandaj vizitantoj, kiuj estos ĝoje akceptataj. Do, kolegoj, al Tarrasa!

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● DINAMARCA.—En Copenhague funcionan nada menos que 24 cursos de Esperanto, durante el presente invierno. 16 de ellos para principiantes, con un total de 220 alumnos, y 8 de perfeccionamiento, con 125 asistentes. Queremos resaltar que, en 20 de estos cursos el profesorado recibe honorarios por parte del estado y Ayuntamiento de aquella capital.

● ALEMANIA.—El señor Dietrich Kenning, diputado del «Deutscher Bundestag», de Bonn, trabaja por relacionar a los parlamentarios esperantistas de todo el mundo, como medio de procurar una mayor amplitud de apoyo oficial a la lengua auxiliar.

● FRANCIA.—Está reorganizándose el Club Mundial de Radio-Esperantistas, a fin de relacionar a los radio-aficionados, poseedores de estaciones emisoras y conocedores del Esperanto, que usan como vehículo de relación en su provechosa afición. Sirva esta nota de aviso y de invitación a los interesados. Dirección: 46 Rue Lamartine - PARIS, 9.

● HOLANDA.—En Eidhoven, sede de la mundialmente conocida firma comercial Philips. se ha constituído el Club Esperantista Philips, con ánimo de desarrollar el Esperanto entre todo el personal de las sucursales de la casa en el mundo, como instrumento de relación entre ellos. Reciba pues nuestro saludo el personal de las filiales españolas.

● CHECOSLOVAQUIA —En la Escuela Técnica Superior, de Praga, y en la Escuela Superior de Comercio, de Bratislava, funcionan dos lectoratos de la lengua Esperanto.

● ITALIA.—La Organización «Ente Nazionale Industrie Turistiche» ha editado en Esperanto, bajo el expresivo título «La Eterna Urbo» un precioso folleto turístico de Roma, con magníficas vistas. El texto, muy cuidado, se debe al reverendo P. Modesto Carolfi.

● CHINA.—Con motivo de su reciente formación, la Liga Esperantista China ha inaugurado en Pekín una interesante exposición de variado material, a base de libros, folletos y periódicos en Esperanto, recibidos de todas las partes del mundo.

● ESTADOS UNIDOS.—«Journal Geophysical Research», de Baltimore, publica sus más interesantes artículos con amplios resúmenes en nuestro idioma internacional.

● ARGENTINA.—En La Plata se publica desde hace poco la revista «LA SUNO», que se dedica a la propagación del Esperanto al público en general. En la ciudad de Mendoza se ha inaugurado un nuevo curso, así como en la Asociación «Nova Lumo», de Bahía, coincidiendo con el cuarto año de existencia de la entidad. Paulatinamente toma impulso la lengua auxiliar en el país hispano-americano. El Secretario de la Liga Argentina de Esperanto ha realizado ultimamente intensa campaña en Paraguay, dirigiendo un curso y propagando, con magníficos resultados, nuestra lengua auxiliar en la nación hermana.

● BRASIL.—En el Instituto de Estudios Comerciales de Santos (Sao Paulo) se ha introducido la enseñanza del Esperanto, siendo oficialmente subvencionados los cursos por el Ayuntamiento de dicha ciudad, que demuestra con esto su amor a la cultura.

● MEJICO.—En los locales de la Institución I. M. V. I. (Victoria, 67 - México D. F.) se ha iniciado un curso de Esperanto, con lo que en aquél pais hispano-americano se emprende una etapa a favor de la lengua auxiliar. Cuidan del curso, que promete proporcionar nuevos y valiosos elementos, los señores Azorín y Hortelano (Casilla de Correos 20.959).

● CHILE.—En Valparaíso se ha constituído la agrupación «Ĉilia Esperanto-Centro», siendo su primer acto de vida la organización de un curso, el cual tiene lugar en el Instituto Agustín Edward, con asistencia selecta de profesores y estudiantes universitarios. Dirige el curso la señora María Castro de Boitano (Casilla de Correos 1998. Valparaíso),

# POR LA HISTORIO DE LA ESPERANTAJ VORTOJ

## V - La hispanismo PLATENO

Plateno, vorto fundamenta en Esperanto, estas hispanismo, devena el **platina**, nomo elpensita de la hispana maristo Antono Uljoa en 1735, ĉar tiu metalo aperis al li nature blankebrila, kiel la arĝento, hispanlingve **plata** kaj diminutive **platina.**

La plateno ekaperis en Peruo, tie alnomata de la hispanaj enloĝantoj «oro blanka», sed baptita de Uljoa kiel **platina** en verko eldonita de li en Madrido dum 1748, sub la titolo «Rilato historia de vojaĝo al Centroameriko». Li priskribas ĝin kiel «mineralon tiom rezistan, ke oni ne povas ĝin rompi nek diserigi, eĉ per bategoj sur ŝtala amboso». Tamen, la hispana Francisko Benito, gravuristo de moneroj en Sankta Fe, dum 1774, faris objektojn platenajn, inter ili la portreton de la reĝo, pro kio li estis premiita. Reĝo Karolo, la tria, starigis katedron en Madrido, regita de irlandano Bowles, amiko de Uljoa, kaj ankaŭ igis veni el Francio du kemiistojn, amikoj de Lavoiser, por studi la novan metalon. Hispanio sendis specimenojn el tiu metalo ĉien, por ĝin diskonigi; en la fama Arkivo de Indioj, en Seviljo, ekzistas voluma dokudentaro pri ĉio ĉi tio, sed ĝis 1830. la plateno preskaŭ nur estis kuriozaĵo. La rusoj unue, eltrovinte ĝin ankaŭ en la Uralaj Montoj, uzis ĝin industrie, alnomante ĝin tamen per la hispanismo **platyna**.

Kvankam ekzistas en Esperanto nomojn finantajn per -ino (rezino, karmino, muslino, medicino, tamburino...) Zamenhof, por eviti eblan konfuzon kun la seksa finaĵo, diris **Plateno**. Sed, ĉar du nomoj por sama aĵo konvenas en neniu lingvo, **Plateno** fariĝos arkaika, kaj restos la science oficiala, internacie diskonigita formo, sekve esperanta, **Platino**. uzata ĉie por diri ankaŭ: platinado, platinamino, platinamonio, platinarsenido, platinato, platini, platinika, platiniridio, platinido, platinito, platinojdo, platinolo, platinoza, platinisto, kc., kc.

Zamenhof konis aŭ ne la devenon de la plateno, nomo kaj metalo; sed, elprenita de li, tiu radikvorto estas hispanismo.

**AZOR**

# *Ricevitaj Libroj*

**NORDA KANTO.**—Eĉ al nia sud-eŭropa lando venis tiu bele eldonita verko de Georges Duhamel, tradukita esperanten de Roland Dupuis. La Ekstera Ministerio de Finnlando aĉetis kelkajn centojn da ekzempleroj de tiu franca verko pri la Balta lando, por senpaga disdono inter eksterlandaj esperantistoj, kiuj interesiĝas pri ĝi.

La disdonon gvidas Eldonó Vilho Setala (Onnenlie, 23 - TAIVASKALLIO-HELSINKI), kiu reciproke petas helpan kunlaboron por ia geografia lernolibro, eldonota laŭ plano klarigata per kunmetita cirkulero. Tute certe, la kvanto da kunkelpantoj estos multenombra, tiel montrante la taŭgecon de Esperanto por internaciaj rilatoj.

**LA SOCIETO DE AMIKOJ.**—S-ro Fred Williams, el Aŭstralio, ĝentile sendas al ni la broŝurojn «La Societo de Amikoj» kaj «George Fox, fondinto de la kvakeraj societoj». Ĉi tiuj broŝuroj, esperantlingve tradukitaj de «Friends Service Council», montras kiel Esperanto estas ilo ebla al ĉiuj movadoj kaj ankaŭ montras la neceson, kiun ĉiuj internaciaj sistemoj bezonas por sia disvastiĝado tra la mondo.

**ESPERANTO - Lengua Auxiliar Internacional.**—De la Asociación Esperantista de Cuba (Apartado 1324 HABANA) hemos recibido un folleto de propaganda a favor de la lengua auxiliar, bajo el título de este epígrafe. Esta tirada es un compendio de otro folleto más general, el cual ya se agotó en la campaña de difusión del Esperanto que realiza la Asociación de la hermosa isla antillana. Para nosotros los españoles, colinguales —y valga el adjetivo, muy para nuestro uso—, es este un folleto muy util y muy inteligentemente redactado, a pesar de que cuantos argumentos se exponen son los que nos convencieron para sumarnos al movimiento esperantista. Y si no lo fuésemos, después de su lectura nos apresuraríamos a ponernos en contacto con la lengua auxiliar internacional, que tanto arraigo está adquiriendo actualmente por tierras americanas.

**ERNESTO HURTADO**



**NIA GAZETARO ESTU SPEGULO DE NIA MOVADO!**

**NOTA DE LA REDACCION.**—*Por falta de espacio no podemos comentar, en el presente número, las contestaciones recibidas al cuestionario sobre el Boletín. Procuraremos que las doce páginas del número de Marzo, permitan comunicarnos directamente un poco más con nuestros amigos lectores a los que muy afectuosamente saludamos.*

# ☆ LA LERNEJO

**PRILINGVA RUBRIKO**

Tre volonte mi respondas hodiaŭ du leterojn de mia amiko, samideano M. R. M. el Castellón. **ONI** estas persona pronomo nedifinita, kiu signifas: «la homoj, kelkaj aŭ multaj». Ĝi egalas al la hispana **SE.** Ekz.: «Oni parolas en Esperanto» = «Se habla en Esperanto». **UL** estas sufikso, kiu signifas homon aŭ beston, pli ĝenerale homon, kun la karaktero de la radiko al kiu gi estas kunmetita. El «blinda» oni formas «blindulon»; el «kvarpieda», «kvarpiedulon»; el «juna», «junulon». Ankaŭ oni povas uzi ĝin kiel memstaran vorton. Ekz.: «Li ne estas simpatia ulo». La frazo «li promenadis tien kaj reen» efektive signifas: «paseaba de un lado a otro»; kaj «tie kaj ree oni aŭdis konversaciojn» signifas ankaŭ, kiel vi skribis, «se oían conversaciones por uno y otro lado». Estas klare, ke en la unua frazo estas la «n» de la akuzativo, ĉar ĝi montras direkton. Elkoran saluton!

**JUAN BOSCH**

## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a FEBRERO 1951)**

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | **138** | **Ptas.** |
| **Luis de Otaola (Bilbao)** | 10 | » |
| **Antonio Grau (Tabernes de Valldigna)** | 40 | » |
| **Francisco Alsina (Barcelona)** | 60 | » |
| **Andrés Ballestín (Zaragoza)** | 3 | » |
| **Ramón Molera (Moyá)** | 30 | » |
| **Luis Sorribes (Tarrasa)** | 4 | » |
| **Arturo Sánchez (San Jaime de Enveija)** | 10 | » |
| **Total** | **295** | » |

**La lista sigue generosamente abierta para todos.**



## IMPORTANTE

***Recordamos a todos los abonados que el pago de la suscripción anual puede hacerse en dos o tres fracciones, durante el transcurso del año. Precisamente, por estas facilidades que se dan es de suponer que, a la mayor brevedad, se pondrán en relación con la Administración todos aquellos que, hasta hoy, por cualquier causa, no lo hayan efectuado todavía.***



## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

**Angel García,** Torre-Urizar, 12, Bilbao, deziras korespondi kun ĉiuj landoj, kaj precipe per i. p. kaj interŝanĝi p. m.

**ATENTU! ATENTU DILIGENTE!**

15-18 j. studentinoj de instruista seminario dez. kor. Adresu skribaĵojn al kursgvidanto: S-ro Hans Steiner, Augasse, 42 WORGL (Tirolo) Aŭstrio.

**ALVOKO:**

Ĉiuj esperantistaj organizoj, kaj unuopuloj, estas petataj sciigi la adresojn de sialandaj parlamentanoj *esperantistaj.* Koncernas ricevi superrigardon, en kiuj landoj jam estas parlamentanoj, kiuj parolas nian lingvon. Respondojn bonvolu direkti al: Dietrich Keuning, parlamentano.
Deutscher Bundestag, BONN (Germanio).

La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | |
|---|---|---|
| Socio de número ... | 15 | ptas. anuales |
| Socio abonado.. ... | 40 | » » |
| Socio protector... ... | 75 | » » |

**Las dos últimas categorías tienen derecho al Boletín**
**Los socios protectores recibirán DOS ejemplares**

*Al aumento del número de abonados corresponderá, naturalmente, un aumento del núuero de páginas, mejorándose más aun el contenido del Boletín.*

Cantos Hnos., Impr.-Valencia - Tel. 30444